# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI — N.° 2 (86) — FEBRERO, 1956

## CONFIANZA

Para aquellos que conocen la marcha progresiva del movimiento esperantista, no es un secreto que, desde hace unos años, se presiente un avance decisivo hacia la total implantación del Esperanto en el mundo. Los valores intrínsecos del idioma auxiliar son, sin embargo, los mismos; acrecentados, eso sí, por nuevos tesoros literarios, y por una mayor consideración en las altas esferas culturales que, netamente, se inclinan con creciente favor hacia la idea de un idioma común.

A la mayor profundidad del caos poliglótico, que ocasiona más y más incidentes y problemas, de difícil solución y de patente parodoja, en estos tiempos de progreso técnico y supersónicas comunicaciones, se suman diversos hechos, cuya enumeración contribuirá a la formación del presentimiento mencionado. En efecto; después del platónico triunfo en Montevideo, se van cosechando positivos y prácticos resultados, que demuestran que aquella victoria era el inicio de fructíferas ventajas. En el Consejo de Europa, la Comisión Cultural acaba de aprobar, por unanimidad, la solicitud de experimentación de la enseñanza del Esperanto en cinco escuelas de Francia, Inglaterra, Alemania Occidental, Holanda e Italia. La prueba no puede fallar, y, ante el resultado, las naciones experimentadoras deberán deducir y decretar una mayor utilización del idioma auxiliar.

Por otra parte, la actitud, hasta ahora hostil, durante muchos años, de algunos gobiernos del oriente europeo, va cediendo ostensiblemente. Esta actitud no puede menos que llevar, como lógica consecuencia, la reanimación del movimiento esperantista, tan brillante y denso en algunas naciones, como Checoeslovaquia, Hungría y Polonia, y a nadie escapa la importancia que tendrá, en un próximo

# 17-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Barcelona, 24 - 29 de Julio, 1956**

**Adreso de la Organiza Komitato: Str. Teruel 26 - 28, Barcelona (8)**

## Carta abierta a todos los Grupos de Esperanto y esperantistas en general

De todos es conocido el puesto de vanguardia que la ciudad de Barcelona ocupa en el campo de la cultura, como lo atestiguan las numerosas reuniones científicas, jurídicas, literarias, artísticas, culturales y de todo orden que en ella tienen lugar.

En este ambiente, va a desarrollarse el 17 Congreso Español de Esperanto y para que nuestro movimiento esté dignamente representado es necesario el esfuerzo de todos los esperantistas españoles, desde el simple «lernanto» hasta las más altas esferas, pues la próxima reunión dará la medida de nuestra capacidad para la celebración en España del Congreso Internacional que todos ambicionamos y para el cual ya se ha insinuado nuestra ciudad.

Para alcanzar esta meta es necesario que a partir de este congreso nuestros éxitos sean crecientes. Acudid, pues, en el mayor número posible, y a los que por circunstancias de cualquier orden no les sea posible asistir, les rogamos se inscriban igualmente como congresistas, o bien que contribuyan con un donativo pro-Congreso en la medida de sus posibilidades.

Ni por un momento dudamos de vuestro entusiasmo y esperamos que el año 1956 señalará el comienzo de un nuevo y glorioso período de nuestra historia esperantista.

*EL COMITÉ ORGANIZADOR.*

Con el número actual de BOLETIN remitimos el boletín de adhesión al Congreso, que esperamos cumplimenten rápidamente todos los esperantistas.

## EXPOSICION DE ARTE INFANTIL

La sección esperantista de la Cooperativa «La Vanguardia Obrera», de Barcelona, La Plana 8, barriada de Horta, está organizando una exposición de dibujos infantiles, que se celebrará del 17 al 19 de Marzo próximo. Para ayudar a los gastos de esta exposición se ha editado una tarjeta postal ilustrada que se vende al precío de 75 céntimos ejemplar.

## EL ESPERANTO EN LA PRENSA DE ESTADOS UNIDOS

Como anunciamos oportunamente, la importante revista norteamericana «Lo Mejor del Catholic Digest» ha publicado en su número de Enero-Febrero de 1956 un artículo de William D. Ryan sobre la I. K. U. E. y el Esperanto.

---

futuro, la acción conjunta de un numeroso bloque de naciones, tanto occidentales como orientales, para lograr una decisión favorable para nuestros postulados idiomáticos.

Y, finalmente, una premisa de valor inconmensurable para la valoración de nuestros postulados estriba en el creciente favor que la Iglesia Católica va concediendo al Esperanto. No solamente actúan los esperantistas católicos para lograr una mayor utilización del idioma auxiliar para los fines propagandísticos religiosos, sino que, también, los católicos no esperantistas van mirando al idioma auxiliar como un medio inapreciable para conseguir sus objetivos. Buena prueba de ello es la proclamación del Esperanto como idioma oficial en el próximo Congreso de PAX CHRISTI, que se celebrará en el próximo mes de Septiembre en Valladolid.

Todos estos hechos contribuyen a la formación de una confianza sólida en un futuro esperanzador. Estamos mucho más cerca del triunfo de lo que creen muchos, incluso esperantistas. Pero, para que así sea, precisa que todo buen esperantista multiplique sus esfuerzos para perfeccionarse, extender la buena semilla y contribuir, así, para que la soñada fecha sea lo más próxima posible.

# FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## TESORERIA

## BALANCE AL 31 DE DICIEMBRE DE 1955

### ENTRADAS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuotas del año 1955 | 29.545'— | | |
| Donativos durante el año | 1.942'— | 31.487'— | |
| Por anuncios y venta Boletines | 1.523'— | | |
| Por venta tarjetas y sellos Congreso | 115'— | 1.638'— | |
| Congreso de Zaragoza: su entrega | 6.370'— | | |
| Matrículas y diplomas exámenes | 800'— | 7.170'— | 40.295'— |

### SALIDAS

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Cuota U. E. A. año 1955 | | | 1.248'— | |
| Material y gastos Secretaría | | 700'50 | | |
| Gastos Tosorería | 909'75 | | | |
| Reintegros por reembolsos | 444'— | 465'75 | | |
| Correo y varios menores | | 1.715'85 | 2.882'10 | |
| Edición del Boletín | | 24.186'40 | | |
| Para compra metal de imprenta | | 2.400'— | | |
| Sobres y gastos de envío | | 4.425'65 | 31.012'05 | |
| Gastos y material difusión | | 224'— | | |
| Gastos por Servicios Federación | | 477'65 | 701'65 | 35.843'80 |

| | |
|---|---|
| Superávit en el año 1955 | 4.451'20 |
| Saldo en 3I de Diciembre de 1954 | 454'05 |
| Saldo en 31 de Diciembre de 1955 | 4.905'25 |

Valencia, a 31 de Diciembre de 1955

El Tesorero, *Ernesto Guillem*

Gracias a la generosa aportación del Comité Organizador del Congreso de Zaragoza, con su importante donativo, no ha tenido la Federación un déficit en el año 1955. En dicho año hubo una baja de medio centenar en el número de socios, y ello, unido a que los donativos han sido muy escasos, hubiera producido un desequilibrio en nuestra Federación, a no ser por la desinteresada contribución del Comité de Zaragoza, que con tan excelente administración de los ingresos en aquel memorable Congreso, ha conseguido salvarnos la situación. Que sirva esta información para que nuestros socios pongan el máximo interés en conseguir nuevos afiliados a nuestra organización, y en cuanto a los donativos para ayudar a los gastos del Boletín, que cada uno, en la medida de sus posibilidades, procure ayudar a engrosarlos. Nosotros creemos que con buena voluntad por parte de todos, podremos llevar adelante los destinos de la Federación.

El Secretario, *Ernesto Hurtado.*

**Todo el mundo debe saber dos idiomas: el de su país y el Esperanto**

# NOVAJ LIBROJ

**WORTERBUCH DEUTSCH - ESPERANTO,** Hans Wingen. (Vortaro Germana-Esperanta). 176 paĝoj, 12 x 17 cm., bindita. Eldonis: Verlag der Limburger Vereinsdruckerei GmbH., Limburg/Lahn, Germanujo. Prezo, gm. 7,50.

Dudek mil vortojn oni povas trovi per la nova vortaro de Wingen, eldonita de la Esperanto-Fako de la Limburger Vereinsdruckerei en Limburg/Lahn. La postmilita epoko montris gravan mankon de bona vortaro german-esperanta. Ĉi tiun mankon majstrece forigis la aŭtoro, kiu estas konata jam kiel eldoninto de aliaj lernlibroj kaj esperantaĵoj. Agrabla aranĝo ebligas al la serĉanto de vortoj kaj esprimoj baldaŭ trovi la ĝustan. Per fakaj signoj oni estas ĉe du- aŭ plisencaj vortoj, kiuj en germana lingvo abundas, direktata al la konvena loko. Por la germanaj esperantistoj kaj interesatoj verdlingvanoj pri germana lingvo la eldonaĵo estas de supera valoro kaj povas esti ĝenerale rekomendata. La eldonaĵo trovas specialan intereson en la germanaj regionoj malantaŭ la Fera Kurteno, kie nun eksentiĝas nova freŝa blovo por la veloj de niaj tieaj samlingvanoj.

*Bruno Gahler.*

**ADAMO KAJ EVA,** dramo en tri aktoj, de Francisco Azorín. Belarta Konkurso, Literatura Sekcio de la 39-a Universala Kongreso de Esperanto, Haarlem, Nederlando. Eldonis: Editorial Stylo, Meksiko, D. F. Prezo: 1 florino.

La fama aŭtoro de «Ilustrita Vortaro de Esperanto» prezentas al nia konsidero biblian dramon, kiu dekomence interesas nin vere. Malgraŭ ĝia koncizeco —la ludodaŭro estas ne pli ol 25 minutojn, ĉefa kondiĉo de la konkurso— la literatura valoro de la teatraĵo estas ĉiam altega kaj unuaranga. Plie, la tragedio kaptas tute nian atenton pro la emocia kaj inspira dialogado de la protagonistoj. Supozeble, la verkisto traktas tre respekteme la genezan temon. Sed Adamo kaj Eva aperas tie-ĉi kvazaŭ gevivantuloj de nia epoko. Tial ili agas kaj reagas jen gracie aŭ ame, jen pasie, laŭ siaj propraj travivaĵoj. Ofte la argumento elvolviĝas bonhumore, eĉ iom ironie. Sed ĝi atingas la kulminon kiam la sprita filozofio de l' aŭtoro lerte profundigas la psikologiajn trajtojn de niaj bibliaj figuroj.

Ni volonte rezignas priskribi la intrigon. Ni preferas ke la legantoj mem levu la kurtenon. Certe ili dankos tion al ni.

Fine ni sincere rekomendas al ĉiuj ĝian tralegadon, ĉar la lingvouzo estas mirinda kaj perfekta.

*Jaime Aragay.*

**ADAM MICKIEWITZ,** de Mieczislaw Jastrum. Okdek paĝoj 20 x 15 cm. Dektri tutpaĝaj gravuraĵoj. Eldonejo Polonia, Varsovio, 1955. Prezo ne montrita.

La alveno de tiu ĉi libro kaŭzis al mi grandan plezuron, ĉar ĝi venas el la lando de la Majstro, el la lando kie tiom da bonaj Esperanto-verkistoj floriĝis, el la lando el kie, jam de multaj jaroj nenion mi ricevis. Des pli bone, ĝi eliras de ŝtata eldono. Bona signo.

Verkon pri vivo de famulo oni povas dufasone disvolvi, nome: kiel romanhistorio, aŭ kiel eseo, scienca verko. La unuan pli ŝatas la «granda publiko»; la duan, la studemuloj.

Mickiewitz, romantikulo kiel Byron, Hugo, Petöfi aŭ nia Espronceda, naskiĝis tuj post la Pollanda divido. Li, infano, travivis la Napoleonan militiron; studento en Vilno, ekzilito en Rusujo, elmigrinto en Svislando, li estis preleganto en Collége de France kaj redaktoro de «Tribuno de la Popoloj», miksita en ĉiuj politikaj movadoj de la dua triono de la XIX-a jarcento kaj mortis pro ĥolero —tiu vipo de la pasinta centjaro— en Konstantinoplo, kiam li organizis la Polan legion por la Turko-Rusa milito, precize en 1855.

Tia vivo sendube bone taŭgus por la unua fasono; tamen, la aŭtoro elektis la duan, kaj nur epizode la alian mencias pro la influo sur la Mickiewitza poezio. Kontraŭe, li tre detale studas liajn diversajn verkojn, iliajn genezojn, liajn pensojn kaj liajn profetaĵojn pri la 2000-a jaro

al la paĝo 259

# 41-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Kopenhago, Danlando — 4 - 11 Aŭgusto 1956
OFICIALA KOMUNIKO — Februaro 1956

*Adreso:* 41-a Universala Kongreso de Esperanto, Kopenhago, Danlando.
*Banko:* Handelsbanken, Kopenhago, Danlando.
*Poŝtĝirkonto:* 41-a Universala Kongreso de Esperanto, n-ro 97820, Kopenhago, Danlando.

***Provizoraj prezoj de litoj:***

En hotelo, kategorio A: 20/40 danaj kronoj, sen matenmanĝo.
» B: 14/24 » » » »
» C: 11/16 » » » »

Ĉe privatuloj: proks. 10 danaj kronoj, sen matenmanĝo.
En komuna loĝejo: 6 danaj kronoj, kun matenmanĝo.

Disponante ne multajn litojn kaj precipe ne unulitajn ĉambrojn, L. K. K. tre rekomendas la komunan loĝejon. Bonvolu ne mendi antaŭ ol vi ricevos mendilon kun la dua oficiala bulteno en Februaro.

***Literatura kaso:*** Por apogi la Esperanto-literaturon, L. K. K. decidis aliformigi la Donacan Kason al «Literatura Kaso». Ĉiu mondonaco alveninta aŭ alvenonta al la Kongreso estos transdonata al la Belarta Konkurso por konsistigi ĝiajn premiojn.

***Statistiko*** (ĝis la fino de Januaro): Alĝerio 2, Argentino 1, Aŭstralio 3, Aŭstrio 6, Belgujo 4, Brazilo 2, Britujo 97, Ĉeĥoslovakio 2, Danlando 201, Finnlando 60, Francujo 115, Germanujo 85, Hispanujo 10, Islando 7, Italujo 99, Jugoslavio 53, Kanariaj Insuloj 1, Kanado 2, Kongo Belga 2, Maroko 7, Meksiko 1, Nederlando 53, Norda Rodezio 1, Norvegujo 53, Novzelando 1, Portugalujo 2, Svedujo 179, Svisujo 19, Turkujo 2, Usono 9, Venezuelo 1. Sumo: 1080 el 31 landoj.

*Gian Carlo Fighiera,* **Konstanta Kongresa Sekretario**

---

## EL ESPERANTO Y "PAX CHRISTI"

Se ha celebrado en Madrid la primera asamblea de la Sección Española del movimiento «Pax Christi». En ella tomaron parte los esperantistas Sres. Guzmán y Forné, quienes desarrollaron una labor de propaganda en favor del Esperanto, que tuvo un franco éxito, pues se tomaron las siguientes decisiones: Establecer la Secretaría de Esperanto. Autorizar a dicha Secretaría para nombrar delegados en todas las ciudades de España. Favorecer el estudio y el uso del Esperanto, como un medio en favor de la paz. Saludar a la próxima reunión de miembros de «Pax Christi» que tentrá lugar con motivo del 26 Congreso de Católicos Esperantistas, en Zaragoza, en Julio próximo. Enviar una delegación de miembros de «Pax Christi» a la referida reunión. Editar en Esperanto los programas de Los Caminos de la Paz, y la propaganda turística del Congreso Internacional de «Pax Christi». Y pedir que el Congreso de 1958 tenga lugar en Lourdes al mismo tiempo que el Congreso de I. K. U. E. (Unión Internacional de Esperantistas Católicos).

Además, el Sr. Santamaría, Secretario General, públicamente prometió que en todos los números del Boletín de «Pax Christi» habrá un espacio dedicado al Esperanto. Presidió el Doctor García Goldáraz, arzobispo de Valladolid, Presidente de la Sección Española.

## El Esperanto en la Prensa Española

El día 5 de Enero publicó «Solidaridad Nacional», de Barcelona, un artículo titulado «Esperanto 1955», en el que se hacía un resumen de las actividades esperantistas del año. El día 10, el «Diario Regional», de Valladolid, y con el título «Del 13 al 16 de Septiembre se celebrará en Valladolid el Congreso Internacional de Pax Christi», publicó una entrevista con el Padre Arévalo, en la cual se nombra repetidas veces el Esperanto. El día 12, «El Noticiero», de Zaragoza, publicó un artículo del Doctor de la Puente, sobre el próximo Congreso de I. K. U. E.

# DIVERSAĴOJ

*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 15ª de Marto.*

Ni ricevis korektajn solvojn de la enigmoj n.º 29 kaj 30 el jenaj samideanoj: M. Fernández Méndez, J. Armadans, R. Pardos, P. Naranjo, S. Roca Rodó. J. Silva, E. Padrao, A. Candela kaj V. Monsalve. De la enigmo n.º 30 el samideanoj J. M. Fontcuberta, V. H. Llusera, A. Madriles, J. A. Daniel kaj R. Manau. S-anoj M. Fernández Méndez kaj A. Candela denove atingis 10 poentojn kaj ni sendas al ili la premion.

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 29

Alopatio. Oratoro. Paliso. Lundo. Diluvo. Madono. Lilio. Vaporo. Monhava. Aŭstrala.

Al polvo iom orumita, oni donas pli da laŭdo ol al oro polvohava.

SOLVO DE LA ENIGMO N.º 30

*Horizontale:* 1 Slip, Poem. 2 Neologismoj. 3 En, omarT, Nu. 4 Aso, Oro, Bon. 5 Surd, Sola. 6 Aperitivo. 7 Plik, Logo. 8 Lip, Loĝ, Jar. 9 iS, ouneG, Nb. 10 Amendamento. 11 Ordo, Iama.

*Vertikale:* 1 Neas, Plia. 2 Sensualismo. 3 Lo, orpiP, Er. 4 Ilo, Dek, Ond. 5 Pomo, Ludo. 6 Garnizona. 7 Piro, Ĝemi. 8 Ost, Sil, Gea. 9 Em, Bovoj, nM. 10 Monologanta. 11 Juna, Orbo.

ENIGMO N.º 33

Krucvorta enigmo, de J. Devís.

Malsupra figuro.

*Horizontale:* 2 Percepti odorojn per la nazo. 3 Poseda pron. (Rad) Strio el ledo, por ĉirkaŭigi la talion. 4 Grajno el kiu oni faras ĉokoladon. 5 (Inv) Motivo. Malkonfuza, pura. 6 Blekas kiel porko. 7 (Rad) Bovoviro. Adv. signifanta «pro tiu kaŭzo». 8 Faranta la farotaĵon je la ĝusta tempo. 9 (Rad) Rapide kaj nevole iri de supre malsupren en ion profundan. Nenormala ofta eligado de fluaj ekskrementoj. 10 (Rad) Sonora sonanto apartigata de l' aliaj sonoraj sonantoj per perceptebla malgrandiĝo de la sonoreco. 11 (Rad) Korta birdo kun ruĝa kresto. (Rad) Plato el iu ajn metalo. 12 Frato de patro aŭ patrino.

*Vertikale:* 2 En tia aparta difinita cirkonstanco. 3 Nombro. Nea konj. 4 (Rad) Metalhoketo por fiksi la randojn de tuko. 5 (Rad) Hinda mahometana piulo celanta perfektiĝon per korpaj rigoraĵoj. Metala kapŝirmilo por soldatoj. 6 Amasigi ion, pli ol sufiĉe. 7 (Rad) Plezurarbaro. Ŝovi la langon sur io. 8 Ekzistanta en nuntempo. 9 Apartigita de la aliaj. Meblo. 10 (Rad) Rivera kankro el la klaso de krustacoj. 11 Adv. signifanta «ne pli ol». Kunordiga konj. montranta kontraŭecon. 12 Estro de iu monaĥejo.




ENIGMO N.º 34

Avo kaj nepo, de J. Devís.

Avo diras al sia malgranda nepo: «Mi naskiĝis en palindroma jaro (1) kaj se mi ankoraŭ vivos en la venonta palindroma jaro, mi aĝos ĝuste duoblon da jaroj ol vi, kiam vi atingos vian duan palindroman jaron; kaj tiam, ankaŭ via aĝo estos palindroma nombro da jaroj».

En kiu jaro naskiĝis la nepo?

---

(1) Palindromo = nombro kiu, legita inverse, estas la sama.

# ☆ LA LERNEJO

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Ni ricevis korektajn tradukojn de la tasko de Decembro el jenaj samideanoj: A. Núñez, E. Pons, L. Serrano, M. Vallés, J. Saladrigas, E. E. Yelland. V. Monsalve, S. Roca Rodó, R. Pardos, M. Fernández, R. Manau, J. A. Daniel, S. Gumá kaj V. Hernández. Atingis 10 poentojn S-ano J. A. Daniel, do ni sendas al li la premion.

*Ni aperigas unu el la plej korektaj tradukoj:*

La patrino de mia nutristino konsideris min kvazaŭ sian nepinon. Mi nomis ŝin avino. Ŝi estis virino tre bona, tre laborema kaj tre malavara. Ŝia edzo kaj ŝi estis sin oferintaj por siaj filoj por enoficigi ilin. La plej aĝa estis pastro kaj laboris kiel guvernisto, la aliaj ankau havis bonajn oficojn, kaj la filino, mia nutristino, en Ameriko. Lastatempe, mia avino kaj ŝia edzo, ambaŭ jam maljunaj, loĝis kun sia nepo, la plej juna, Toni, mia laktofrato, kiun mi amis kiel veran fraton. La domo de mia avino estis malgranda kaj ĉirkaŭita de kampo. Ni havis tre belan ĝardenon, en kiu mia avino, ŝia edzo, Toni kaj ankaŭ mi kelkfoje, laboris. La sento ne koni mian patrinon kaj vidi mian patron tre malofte, iom maldolĉigis mian vivon. Mia edukado estis la kutima en vilaĝa knabino. Mi studis en la lernejo, kun ĉiuj knabinoj de la vilaĝo, kaj poste mia patro, eksciante ke mi havas kapablon superan al tiu ĝenerala, skribis al la instruisto por ke li instruu min aparte.

*Jen nova tasko. Fragmento de «El árbol de la ciencia», de Pío Baroja:*

**Serían las diez de la mañana de un día de octubre. En el patio de la Escuela de Arquitectura, grupos de estudiantes esperaban a que se abriera la clase. De la puerta de la calle de los Estudios, que daba a este patio, iban entrando muchachos jóvenes que, al encontrarse reunidos, se saludaban, reían y hablaban. Por una de estas anomalías clásicas de España, aquellos estudiantes que esperaban en el patio de la Escuela de Arquitectura no eran arquitectos del porvenir, sino futuros médicos y farmacéuticos. La clase de Química general del año preparatorio de Medicina y Farmacia se daba en esta época en una antigua capilla del Instituto de San Isidro, convertida en clase, y ésta tenía su entrada por la Escuela de Arquiteetura.**

---

el la paĝo 256

(multaj jam plenumitaj). Kompreneble, mi ne tiel profunde konas la verkojn de A. M. (kvankam oni tradukis al Esperanto multajn pecojn) por akcepti aŭ malakcepti la asertojn de la aŭtoro; sed la libro estas serioza alporto al la kono pri granda poeto malmulte konata, mi eĉ diru, nekonata ĉe ni, ĉar mi pensas ke ne ekzistas hispana traduko de Mickiewitz.

Komence, mi pensis ke tiu verko estas originala, nur noto sub 24-a paĝo avertas min, ke ĝi estas tradukaĵo, sendube de verko pretigita por memori la unuan jarcenton de lia morto. La lingvo estas, ĝenerale, bona, konciza kaj laŭfundamenta. Mi trovas kelkajn trafajn vortojn: ***koleriko, sentimento***, malĝustan konstruon: ***ne ili restas*** (ili ne restas). Kie la aŭtoro aŭ tradukanto faletas, estas en la propraj nomoj: li esperantigas personan nomon (***Volter***, paĝo 10); sed skribas laŭortografie aliajn (Schiller, Byron, Goethe). Same okazas en la urbaj nomoj (***Lozano***, paĝo 51); sed ŝancelas alie (Firenzo, paĝo 30; ***Florenco***, paĝo 64). La signo de akuzativo en la personaj nomoj ankaŭ estas malĝuste metita: ie ĝi mankas (vizitos Goethe, paĝo 30); alie strange (***Hermanon Everbek, Borison Gudunov***, paĝo 30. Kial ne Borison Gudunovon, aŭ Boris-Gudunovon aŭ eĉ Boris Gudunov'n?).

Sed entute ĝi estas meritplena verko, leginda alporto al la kulturo por nia Esperanto. Mi varme atendas pluajn eldonojn de la nobla lando de la Vistulo.

*Amalia Núñez Dubús.*

## PORTUGALAJ ABONANTOJ

Bonvolu pagi vian nunjaran abonon al BOLETIN (40 eskudoj) al nia peranto por Portugalujo:

S-ro Jaime Silva
Avenida da Igreja, 41, 3.°, esq.
Bairro de Alvalade — Lisboa

---

● F-ino Simonne Combebias, UEA-delegitino, Mont-de-Marsan, Le Baradé, Landes, Francujo, kiu partoprenos la Universalan Kongreson en Kopenhago, deziras kontakti kun hispanaj samideanoj ankaŭ partoprenontaj tiun kongreson, kun la celo kunvojaĝi. Skribu baldaŭ por interkonsenti.

● La franca esperantista asocio G. E. E. (Grupo de Esperantistaj Edukistoj) deziras ricevi adresojn de esperantistoj kiuj akceptu gastigi senpage dum unu semajno francan esperantiston. Reciproke ni sendos al vi adresojn de francaj esperantistoj kiuj estas pretaj akcepti vin sub samaj kondiĉoj. Por informoj skribu al S-ino Trésorier, 7 rue des Iris, Besançon, Doubs, Francujo.

● S-ro Charles Chareilles, prezidanto de la Metia Ĉambro de la departamento Creuse, en Francujo, gvidanto-fondinto de feriocentro por metilernantoj (instalita en malnova rekonstruita muelejo en Bonnat, Creuse) deziras akcepti diverslandajn geesperantistojn dum venonta somero, por ke en tiu centro regu internacia atmosfero de interfratiĝo. La restadkondiĉoj estas tre malmultekostaj. Plie oni oferas senpagan gastigadon dum unu aŭ du semajnoj en somero al unu reprezentanto por ĉiu lando de Eŭropo; la gastoj estu prefere gemetilernantoj. Skribu al S-ro Annet, 7 rue du Docteur de la Vilatte, Guéret, Creuse, aŭ al S-ro Tatet, Bugeat, Corréze, Francujo, enmetante unu internacian respondkuponon.

S-ro Chareilles intencas fondi internacian Muzeon de Metiartaĵoj. Li ricevos plezurege metiartaĵojn el ĉiuj landoj. Sendu ilin rekte al S-ro Chareilles, Bonnat, Creuse, Francujo. Vi ricevos rekompencon. La Asocio de la Metilernantoj presigas trimonatan gazeton kun Esperanto-Kroniko, al kiu ĉiu interesulo povas kunlabori. Mendu la revuon al S-ro Chareilles.

● Deziras korespondi kaj interŝanĝi bildkartojn kaj poŝtmarkojn kun geknaboj, japana 14-jara knabo Mitio Uchiki, 6-710 Koensi Suginami-ku, Tokio, Japanujo.


BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª
VALENCIA

Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej - horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA


## DONACOJ AL NIA BULTENO

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo. . . | 553 | pesetoj |
| J. Lloveras, Barcelona . . . . . | 10 | » |
| J. Estañ, Granada . . . . . . . | 20 | » |
| M. Ruiz Maza, Madrid . . . . . | 20 | » |
| F. de la Torre, Baena . . . . . | 10 | » |
| J. Fernández, Oviedo. . . . . . | 40 | » |
| J. López Plaza, Cullera. . . . . | 15 | » |
| Esperanto Grupo, Moyá. . . . . | 15 | » |
| L. de Otaola, Bilbao. . . . . . | 10 | » |
| M. de Elezcano, Bilbao. . . . . | 15 | » |
| M. Casasnovas, Zaragoza . . . . | 10 | » |
| A. Ballestín, Zaragoza . . . . . | 10 | » |
| D. Cebollero, Zaragoza. . . . . | 10 | » |
| P. Naranjo, Jerez de la Frontera. | 5 | » |
| Sume. . . . . | 743 | pesetoj |

*Koran dankon al ĉiuj niaj helpantoj!*